# Boletín

BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

Aperanta de 1949

Ĉefredaktoro: Miguel Gutiérrez Adúiz; Los Coteros 1-C, 2-I; ES-39600 Muriedas; Cantabria; liven@nexo.es

Kunlaborantoj: Salvador Gumá, Mguel Fernández, Vicente Hernández, Andres Martín, Luis Serrano, Antonio Valén, Antonio Marco.

*Noto: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la respektivaj aŭtoroj. La redaktisto rajtas rifuzi ne petitajn artikolojn.*

**Hispana Esperanto-Federacio**

**Rodríguez San Pedro 13, 3º, 7;**
**ES-28015 Madrid;**
**Tel.+faksilo: +34.(9)1.446.80.79**
**Konto: 14.011.966, Caja Postal**
**admin@esperanto-es.org**
**www.esperanto-es.org**

**Estraro**
**Prezidanto: Miguel A. Sancho.**
**Vicprezidanto: José M. Galofré.**
**Sekretario: Manuel Parra.**
**Kasisto: Pedro Garrote.**
**Vicsekretario: Marcos Cruz.**
**Voĉdonantoj:**
**Luis Hernández,**
**Augusto Casquero,**
**Miguel Gutiérrez.**

## Enhavo

Estrarkunsido . . . . . . . . . . . . . . 2
Alvoko al EĜK . . . . . . . . . . . . 3
Resumo de aktivaĵoj dum 1998 3
Subvencio por studi Esperanton *(Manolo Parra)* . . . . . . . . . . . . 5
Balance de Situación . . . . . . . . 6
Fundación Esperanto . . . . . . . . 8
58a Hispana Kongreso . . . . . . . . 9
Niaj Grupoj kaj Asocioj . . . . . 10
Donacoj . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 11
Eŭroparlamentanoj kaj Esperanto *(Andres Martín)* . . 16
Niaj Grupoj kaj Asocioj... plu 22
Emas korespondi . . . . . . . . . . 22
Jen aperis . . . . . . . . . . . . . . . . 23
UEA . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 23
Ĉirkaŭ la mondo . . . . . . . . . . 24
Malgranda historio *(Francisco Conejero)*. . . . . . . 25
Rekomendoj *(Stefan Maul)* . . 27
Lingva angulo: La personaj pronomoj *(A. Valén)*. . . . . . . . 28
Literaturo: Emilio Prados (M. Fernández) 29
Olafo . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 29
Recenzo: Al lingva demokratio (Aleksandro K. Kasanovao) . 30
58a HK, loĝado . . . . . . . . . . . 31
58a HK, aliĝilo . . . . . . . . . . . 32

# Estrarkunsido

La HEF-Estraro kunsidis en la centra oficejo la 28an de marto ekde la 10a horo. Ĉeestis: Miguel Angel Sancho, Pedro Garrote, Manuel Parra, Miguel Gutiérrez, Augusto Casquero kaj la konsilantino Ana Manero kune kun pluraj gekunlaborantoj. Salutojn kaj ekskuzojn prezentis la vicprezidanto José Mª Galofré, Luis Hernández, Rafaela Urueña kaj la konsilanto José Mª Rodríguez.

Pritraktita temaro:

1) La prezidanto prezentis informon pri "Fundación Esperanto", kiun li prezidas ĉar Prezidanto de HEF. Bona novaĵo estas tio ke la patronaro de F.E. decidis aĉeti sidejon en konsento kun la regiona esperantista grupo Frateco. Aliflanke, F.E. cirkuleros al la grupoj por informi pri la kondiĉoj por atingi monhelpon de la fondaĵo, kiu ĉijare dediĉos 1.800 eŭrojn (300.000 ptojn) por aktivaĵoj.

2) La informa triptiko estas jam en la presejo. Oni presos 5000 ekzemplerojn kiuj kostos 630 eŭrojn (105.000 ptojn). Ĝi estos uzata unue en Expolingua kaj poste, laŭnecese, HEF distribuos ĝin al la grupoj.

3) Financa raporto. La kasisto prezentis la financan jarraporton pri la jaro 1998 kaj la malneton de buĝeto por 1999. Li klarigis ke pasintjare rezultis malgajno de 1.404 eŭroj (234.000 ptoj). Tamen tio ne estas vera diferenco inter elspezoj kaj enspezoj, sed nur la sekvo de tio ke ĉijare unuafoje oni enskribis la amortizadon de moveblaj posedaĵoj. Pli kaj plu konstateblas la bezonon kreskigi la nombron da membroj, por ebligi pli vastan agadon.

4) Kiel jam decidite (vidu Boletín-338, paĝo 2ª) oni okazigos Eksterordinaran Ĝeneralan Kunsidon (vidu apudan alvokon) por aprobi la dokumentaron ("rendición anual de cuentas") prezentendan al la Ministrejo de Enlandaj Aferoj antaŭ la unua de julio. Temas do pri formala proceduro por la aprobo de la kontoetato. Rimarkindas ke por plenumi tiun formalaĵon sufiĉos la ĉeesto de nur kelkaj membroj, ĉar la leĝo permess decidi laŭ simpla majoritato de la ĉeestantoj.

Tiu kunsido okazos la 29an de majo, kaj samdate okazos ankaŭ nova kunsido de la Estraro.

5) HEF sendos kiel donaco al la esperantista grupo en Cajamarca (Peruo) po 10 ekz-ojn de la libreto "Pro Esperanto" kaj de la lernolibro "Parolu E-on", de J.F. Arroyo.

6) Kiel respondo al la diversaj helpopetoj ricevitaj de pluraj hispanlingvaj landoj kaj de s-ro Atilio Orella, respondeculo de UEA pri Sudameriko, la Estraro decidis ke s-ro Miguel Gutiérrez esploru la temon.

7) Ana Manero proponis investi ioman sumon por anoncado de la perkoresponda kurso, sed oni konstatis, ne sen bedaŭro, ke la ĉijara buĝeto ne permesos tion.

8) Oni fiksis la membro-kotizojn por la jaro 2000, poste diskutotajn en la Ordinara Kunsido (julie en Castellón), jene:

Ordinara Membro . . . . 25.00 EUR
OM kun junulkarto . . 22.50 EUR
Patrona Membro . . . . 50.00 EUR
Kolektiva Membro . . 50.00 EUR
Emerita M. (nur por jamaj
EM-anoj 1995-e) . . . . 20.00 EUR

9) La Estraro decidis akiri 400 ekz-ojn. de la poŝvortaro Lexicón Sopena. Tiu aĉeto celas favori la grupojn, kiuj tiel povos ricevi de la CO de HEF la vortaron je pli malalta prezo ol se ili rekte mendus ĝin ĉe la eldonejo (minimume 10 ekz.).

10) Augusto Casquero detale informis pri la glata iro de la preparoj por sendube alloga nacia kongreso.

*La Sekretario, Manolo Parra*
*La Prezidanto, Miguel Ángel Sancho*

## Alvoko al Eksterordinara Ĝenerala Kunsido

Konforme al nia statuto, la HEF-prezidanto alvokas ĉiujn membrojn al la Eksterordinara Ĝenerala Kunsido okazonta en la Centra Oficejo de HEF en Madrido, la 29an de majo de 1999 ekde la 10a horo, por pritrakti jenan solan temon:

— Aprobo de la dokumentoj prezentendaj al la Ministrejo de Enlandaj Aferoj (Ministerio del Interior).

# HEF: Eta resumo pri aktivaĵoj dum 1998.

1. Ekstera Agado.

1.1. Kursoj.

1.1.1. Perkoresponda kurso.

1.2. Kunlaboroj kun oficialaj instancoj kaj privatuloj.

1.2.1. Hispana Komitato por Kunlaboro kun UNESKO.

Regula sendado de nia jarraporto pri aktivaĵoj.

1.2.2. Hispana Ambasadejo en Italio.

Havigo de ekzemplero de *Donkiĥoto* por ekspozicio okaze de omaĝo al *Cervantes*, je la 25a datreveno de la inaŭguro de la Hispana Liceo *Miguel de Cervantes* de Romo.

1.2.3. Valencia Universitato: E-kurso en la Filología Fakultato, gvidata de Augusto Casquero, kun oficiala valoro de du kreditoj.

1.2.4. Mezlernejo Infante D. Juan Manuel (Murcia): Kurso gvidata de Jesús de las Heras, instruisto ĉe tiu mezlernejo.

1.2.5. *Ediciones del Prado*: Okaze de la pretigado de la ĉapitro *El siglo XX y el esperanto*, el la enciklopedio «Qué saber», HEF havigis al la eldonisto librojn kaj

diskojn necesajn por ellabori ilustran materialon kiu kompletigu la tekston. HEF ankaŭ reviziis ĉi lastan por eviti ajnan eraron.

1.2.6. Japana Folklora Pupteatro *Shonai Dewa Ningyo Shibai*: HEF kunlaboris kaj tradukante hispanen la tekstojn de la imformilo pri la grupo kaj la teatraĵoj, kaj havigante interpretiston dum la reprezentadoj. Ĝi ankaŭ, kune kun MEL, organizis prezentadon de la spektaklo en la Kultura Centro Galileo de Madrido.

1.2.7. Sindikato *Solidaridad Obrera*: Prelego de M. Fernández pri Esperanto el historia kaj lingva perspektivoj.

1.2.8. Eŭska Parlamento: Havigo de informoj pri esperanto kaj ties oficialaj apogoj al la parlamentano s-ro Juancho Domínguez.

1.2.9. Studentoj: Regula kunlaboro kun studentoj kiuj bezonas informon pri la lingvo aŭ la esperanta kulturo por realigi siajn akademiajn taskojn.

1.2.10. *Unión Monterrubiana del Campo* Monterrubio (Badajoz): Produktantoj de olivoleo. HEF tradukas esperante ilian etikedon.

1.3. Centjara jubileo de F. G. Lorca.

1.3.1. En Hispanio.

1.3.1.1. Reeldono de la verko Sanga Nupto. (Vidu sub "eldonaĵoj").

1.3.1.2. Prezentado de tiu verko okaze de la 57a HK.

1.3.1.3. "Lorca: poezia fenomeno el hispana orepoko" de M. Fernández. Artikolo aperinta samtempe en Boletín kaj LF.

1.3.1.4. Prelego de M. Fernández por ne e-publiko organizita kunlabore kun MEL kaj *Casa de Guadalajara* en Madrid.

1.3.1.5. Prelego de M. Fernández (Sur la spuroj de Federico García Lorca) dum la fermo de la oficiala e-kurso organizita de la Filologia Fakultato ĉe la Valencia Universitato.

1.3.2. En Francio.

1.3.2.1. Prelego de M. Fernández (Sur la spuroj de F.G. Lorca) dum la blindula kongreso en Bordozo.

1.3.2.2. Prelego de M.Fernández (Lorca kaj la hispana poezio ĉi-jarcenta). Bouresse.

1.4. Eldonaĵoj.

1.4.1. Sanga Nupto, de F.G. Lorca. Tradukita de M. Fernández kaj eldonita de HEF kunlabore kun AEU. Subvenciit de *Caja de Ahorros La General* de Granado.

1.5. Donacoj.

1.5.1. Biblioteko de la Eŭropa Parlamento: Donacado de la libro *Esperanto: Fenómeno de la comunicación* de W. Auld, tradukita de M. Cruz; kaj la broŝuron Pro Esperanto.

1.6. Disvastigo.

1.6.1. HEF sisteme distribuas la Manifeston de Prago.

1.6.2. Distribuado de la broŝuro Pro Esperanto inter la deputitoj kaj senatanoj.

1.6.3. Distribuado de la antaŭe menciitaj informiloj inter la ĉefaj amaskomunikiloj.

1.7. Amaskomunikiloj.

1.7.1. Regule HEF, pere de M. Pancorbo, sendas komunikojn al la ĉefaj ĵurnaloj kaj novaĵagentejoj pri plej gravaj okazintaĵoj en rilato al esperanto.

1.7.2. Diversaj interviuoj al HEF-membroj en amaskomunikiloj.

1.8. Internet.

1.8.1. HEF disponas informpaĝojn en la interreto, la Federacio kaj ties aktivaĵoj en la hispana por la ĝenerala publiko.

2. Aktivaĵoj en rilato al la membroj.

2.1. Boletín.

2.2. Libroservo.

2.3. Perado de revuoj: HEF estas peranto por Eventoj, Kontakto kaj Esperanto.

2.4. Perado de kotizoj por UEA.

2.5. Biblioteko Juan Régulo Pérez: Ĉijare ĝi ricevis la subvencion Thorsen de apogo al bibliotekoj.

2.6. Kongresoj.

2.6.1. Hispana Esperanto-Kongreso: Valladolid, 1a ĝis 3a de majo.

2.6.2. Universala Kongreso: Partopreno de pluraj membroj de HEF en la UK en Montpellier (Francio). La kongrestemo estis "Mediteraneo, ponto interkulturoj".

2.7. Aliaj aktivaĵoj.

2.7.1. Kampanjo 2000.

---

## Subvencio por studi Esperanton

Mi laboras por la ŝtata instanco "Dirección General de Tráfico". Same kiel aliaj privataj kaj ŝtataj entreprenoj, tiu ĉi havas programon por monhelpi la laboristojn kiuj studas lingvojn.

Lastan someron mi partoprenis progresigan esperanto-kurson en Barlaston, Britio. Reveninte, mi skribpetis la koncernan subvencion, montrante la fakturon (70.000 ESP). Post la normalaj kontroloj oni decidis doni al mi 28.800 ESP. Tiu decido estis skribe montrata dum kelkaj tagoj en la montrotabuloj de ĉiuj laborejoj de *Tráfico* en la tuta lando, sed... la decido tute ne menciis pri kiu lingvo temas.

Manolo Parra








Fotis Colin Simmonds.

Unua foto: Manolo Parra kaj Ana Manero. Dua:la verkistino Marjorie Boulton. Tria: Ana kaj Melnikov dum donacado de teleroj.

Pri la kursoj kaj restado en Barlaston informas: S-ro Derek Tatton (Esperanta Somerlernejo) / Wedgwood Memorial College; Barlaston Village; Stoke-on-Trent ST12 9DG; Britujo.

# HEF: Balance de Situación.

| DEBE | Ejercicio 98 | Ejercicio 97 |
|---|---|---|
| A) GASTOS | 1.865.054 | 1.835.624 |
| 2. Aprovisionamientos | 676.436 | 1.016.394 |
| a) Consumo de mercaderias | 676.436 | 1.016.394 |
| 4. Dotaciones amortización inmovilizado | 258.500 | |
| 6. Otros gastos explotación | 924.629 | 803.637 |
| a) Sercicios exteriores | 924.629 | 870.637 |
| I. Beneficios de explotación (B1+B2+B3+B4-A1-A2-A3-A4-A5-A6) | | |
| 9. Diferencias negativas de cambio | 11.960 | |
| II. Resultados financieros positivos (B5+B6+B7+B8-A7-A8-A9) | | 4.103 |
| III. Beneficios actividades ordinarias (A1+AII-B1-BII) | | 4.103 |
| 11. Pérdidas procedentes del inmovilizado | 166.960 | |
| IV. Resultados extraordinarios positivos (B9+B10+B11+B12+B13-A10-A11-A12-A13-A14) | | 96.700 |
| V. Beneficios antes de impuestos (AIII+AIV-BIII-BIV) | | |
| 15. Impuesto sobre sociedades | 15.490 | 15.593 |

| HABER | Ejercicio 98 | Ejercicio 97 |
|---|---|---|
| B) INGRESOS | 1.819.241 | 1.507.746 |
| 1. Importe neto de cifra negocios | 1.166.964 | 1.237.252 |
| a) Ventas | 1.166.964 | 1.237.252 |
| Aumento de existencias de productos | 188.921 | |
| 4. Otros ingresos de explotación | 328.230 | 169.691 |
| a) Ingresos accesorios y otros | 145.288 | 124.416 |
| b) Subvenciones | 182.942 | 45.275 |
| I. Pérdidas de explotación (A1+A2+A3+A4+A5+A6+B1-B2-B-3-B4 | 175.450 | 413.088 |
| 5. Ingresos participac. en capital | 311 | 4.103 |
| a) En empresas del grupo | 311 | 4.103 |
| Diferencias positivas de cambio | 4 | |
| II. Resultados financieros negativos (A7+AB+A9+B5+B6+B7+B8) | 11.645 | |
| III. Pérdidas activid. ordinarias | 187.095 | 408.985 |

| | | |
|---|---|---|
| (B1+BII-AI-AII) | | |
| 12. Ingresos extraordinarios | 134.811 | 96.700 |
| IV. Resultados extraordinarios negativos | 32.149 | |
| (A10+A11+A12+A13+A14-B9-B10-B11-B12-B-13) | | |
| V. Pérdidas antes de Impuestos | 219.244 | 308.182 |
| (BIII+BIV-AIII-AIV) | | |
| VI. Resultado Ejercicio (Pérdidas) | 234.734 | 323.775 |
| (BV+A15+A16) | | |

| **ACTIVO** | **Ejercicio 98** | **Ejercicio 97** |
|---|---|---|
| B) INMOVILIZADO | 11.068.396 | 11.016.437 |
| II. Inmovilizaciones inmateriales | -258.500 | |
| 8. Amortizaciones | -258.500 | |
| III. Inmovilizaciones materiales | 11.326.896 | 11.016.437 |
| 1. Terrenos y construcciones | 10.000.000 | 10.000.000 |
| 2. Instalaciones técn. y maqu | 675.778 | 425.778 |
| 3. Otras instalaciones,ut. y mob. | 358.134 | 358.134 |
| 5. Otro inmovilizado | 292.984 | 232.525 |
| D) Activo circulante | 2.171.619 | 2.922.778 |
| II. Existencias | 188.921 | 242.142 |
| 1. Comerciales | 188.921 | 242.142 |
| III. Deudores | 13.425 | 711.525 |
| 4. Deudores varios | 13.425 | 711.525 |
| VI. Tesoreria | 1.844.939 | 1.811.241 |
| VII. Ajustes por periodificación | 124.334 | 157.870 |
| TOTAL GENERAL (A+B+C+D) | 13.240.015 | 13.939.215 |

| **PASIVO** | **Ejercicio 1998** | **Ejercicio 1997** |
|---|---|---|
| A) Fondos propios | 12.854.788 | 13.089,522 |
| I. Capital Suscrito | 13.089.522 | 13.417.400 |
| VI. Pérdidas/Ganancias (Benef./Pérd.) | -234.734 | -327.876 |
| E) Acreedores a Corto Plazo | 385.227 | 849.693 |
| IV. Acreedores Comerciales | 235.327 | 770.843 |
| 2. Deudas por compras o pretaciones | 235.327 | 770.843 |
| V. Otras deudas no comerciales | | |
| 1. Administraciones Públicas | | |
| VII. Ajustes por periodificación | 149.900 | 78.850 |
| TOTAL GENERAL (A+B+C+D+E) | 13.240.015 | 13.939.215 |

**HEF: www.esperanto-es.org**



FUNDACIÓN ESPERANTO

## La Fundación

### Paĝo de la Fondaĵo Esperanto

La nova leĝo 30/94 pri Fondaĵoj kaj Fiska Favorigo de la Privatula Partopreno en Agadoj Celantaj la Ĝeneralan Intereson, Hispana Oficiala Bulteno (BOE) n-ro 282 de la 25a de novembro 1994, reguligas la kreon kaj la vivon de la fondaĵoj en Hispanio.

Nia Fondaĵo "Esperanto" estis kreata de Hispana Esperanto-Federacio sub la tiama prezidanteco de S-ro Miguel Sancho Izquierdo, kaj la statuton aprobis la tiutempa Ministrejo pri Edukado kaj Scienco laŭ ordono de la 4a de aprilo 1969 (do, ĝuste antaŭ 30 jaroj). La fondaĵo naskiĝis danke al komenca donaco de 50.000 pesetoj, kaj ĝian vivon certigis malavaraj donacoj de la hispana esperantistaro, inter kiuj elstaras la heredaĵo de la geedzoj "Casanoves-Ferrandiz". Pri la prizorgado de la Fondaĵo "Esperanto" respondecas la Ĝenerala Deputitaro de Aragono (la Registaro de tiu hispana aŭtonoma komunumo), laŭ la Reĝa Dekreto 569/95 de la 7a de aprilo, trovebla en la Hispana Oficiala Bulteno de la 10a de majo 1995), tie nia fondaĵo aperas en la listo de la kulturaj fondaĵoj de la provinco Zaragozo sub la numero 17a.

Kutime oni opinias ke la tri elementoj plej bazaj el ĉiu fondaĵo estas la celo, la havaĵoj kaj la organizado. La celo estas la elemento kiu identigas la fondaĵon mem, ĝia ekzisto-kialo, tio kio komprenigas la agadojn plenumendajn dum la vivo de la fondaĵo. La 2a artikolo de la Fondaĵo "Esperanto" proklamas ke ĝia celo estas la kunvokado de premioj kaj ĉiaspecaj stimuloj por la instruado de la internacia lingvo Esperanto. Tial do oni organizos, aŭ subvencios, eldonajn agadojn favore al la disvastigo de la Esperanto-kulturo; eldonadon en Esperanto de verkoj originale redaktitaj en ajna oficiala lingvo de la Hispana Ŝtato; kaj la eldonadon de pedagogia materialo kiu faciligos la instruadon de la lingvo Esperanto.

La havaĵo konsistas el kapitalo kiu nutras sin el tri fontoj: unue la mondonaco per kiu oni dotis la fondaĵon, 50.000 ptoj, kun la celo observi la leĝajn dispoziciojn por kreado de la institucio, due ĉiuj postaj monkontribuoj de homoj, kiuj deziras apogi la esperanto-movadon pere de la fondaĵo, kaj trie la interezoj produktitaj de tiuj monsumoj. Rilate ĉion ĉi la nova leĝo pri fondaĵoj permesas dekalkuli 20% el la impostita bazo okaze de la ĉiujara Deklaro de la Imposto pri la Rentoj, sub la limigo de la 30% el tiu impostita bazo.

Laste, nepra kondiĉo, por certigi la vivon de fondaĵo, estas la ekzisto de grupo de personoj, nomataj "patronoj", kiuj decidas pri la antaŭenigo kaj atingo de la celoj proponitaj en la agad-programo de la fondaĵo. La Patronaro de la Fondaĵo "Esperanto" konsistas el:

Prezidanto:
D. Miguel Angel Sancho Pardo,
Prezidanto de Hispana E-Federacio.

Sekretario:
D. Enrique Piquero Vázquez.
Administranto:
D. Victor Ortíz Gratal.
Patronoj:
Da. Ma. Pilar Sancho Rebullida.
Da. Ma. Rafaela Urueña Alvarez.
D. Juan Antonio Cabezos Martínez.
D. Antonio Marco Botella

La Fondajo "Esperanto" havas ankaŭ Direktoron, kies tasko estas kunordigi, disvolvi kaj direkti ĉiun agadon aprobitan de la Patronaro. Li estas D. Jose María Rodríguez Hernández.

Resume, la Fondaĵo "Esperanto" estas jura persono, kreita kaj organizata laŭ la hispana leĝo, kiu celas disvastigi kiel eble plej multe kaj efike la internacian lingvon Esperanto, uzante tiucele ĉiujn sian rimedojn.

## José María Aznar Honora Prezidanto de la 58a Hispana Kongreso de Esperanto



La Loka Kongresa Komitato de la "58a Hispana Kongreso de Esperanto" kaj "9a Eŭropa Esperanto-Forumo", okazontaj en Castellón, de la 17a ĝis la 21a de julio 1999, informas kun granda plezuro ke la Prezidanto de Hispanio, Moŝta Sinjoro José María Aznar akceptis esti Honora Prezidanto de ambaŭ eventoj.

Ĝis nun konfirmis sian partoprenon jenaj prelegontoj:

Rudolf Fischer. Universitato de Münster (Germanio).""La lukto de la Germanoj trovi novan nacian identecon en internacia mondo."

Kris Long (Britio) "La angla poeto Gerard Manley Hopkins".

Olga Kerziouk (Ukrainio) "La brita biblioteko: historio kaj trezoroj".

Hetwig Fischer (Germanio) "Ferakontoj de diversaj popoloj".

David Galadí (Universitato de Barcelona) "Astronomio".

Miguel Angel Sancho (Madrid) "Esperanto en Internet".

PENG Zhengming (Ĉinio) "Ĉina literaturo".

Cetere jen la definitiva adreso de la ttt-paĝaro, en kiu oni povas trovi ĉiujn necesajn informojn pri la "58a Hispana Esperanto-kongreso" kaj "9a Eŭropa Esperanto-Forumo". Oni povas konsulti la provizoran programon, aliĝkondiĉojn, loĝadon, fotojn, ktp. La adreso estas: http://www.redestb.es/personal/a-casquero

LKK.



# Niaj Grupoj kaj Asocioj

## Andaluzio

* Andaluzia Esperanto-Unuiĝo daŭrigas sian kampanjon donaci E-lernolibrojn al andaluziaj bibliotekoj. Komence de la jaro 1999 nia asocio donacis ekzemplerojn de la verko "Curso de la Lengua Internacional Esperanto" de Miguel Gutiérrez Adúriz al la bibliotekoj de la provinco Jaeno. Fakte la libro jam staras sur la bretoj de la bibliotekoj de Alcalá la Real, Alcaudete, Arjonilla, Baeza, Bedmar, Cabra del Sto. Cristo, Cazorla, Belmez de la Moraleda, Castillo de Locubín, Guarromán, Huelma, Ibros, Jodar, La Carolina, Linares, Mancha Real, Marmolejo, Martos, Orcera, Porcuna, Rus, Siles, Torredelcampo, Torredonjimeno, Torreperogil, Ubeda, Villacarrillo, Villanueva del Arzobispo, en la provinca biblioteko de Jaén kaj en tiu de la Jaena Universitato, kiu krome ricevis ekzempleron de la libro de Fernando de Diego "Nuevo Método de Esperanto".

* Kunlabore kun Esperanta Jura Asocio, Andaluzia Esperanto-Unuigho kuneldonis la antikvegan "Kodo de Hamurabo", tradukita de la norvegaj Tom Arbo Hoeg kaj Odd Tangerud. Hamurabo estis sumera reĝo kiu, proksimume en la jaro 1750 a.K., donis al sia popolo tre saĝajn, laŭ sia epoko, leĝojn. La kodo trovita de franca ekspedicio en la jaro 1901, estas enskribaĵo sur nigra steleo el diorito. La traduko de la Kodo de Hamurabo realiĝis en la jaro 1990, Tom Arbo Hoeg faris la ĉefan laboron pri la traduko sed li ne povis aranĝi pri la presado kaj la eldono ĉar li mortis en la jaro 1992. Douglas Draper, de la Universitata Biblioteko de Oslo (Norvegio) entreprenis la taskon pretigi la manuskripton por eldono, kio finfine okazis. Ĉi tiel la Kodo de Hamurabo estas la unua verko de la serio "Juraj Kajeroj", kiu espereble daŭros per aliaj juraj libroj eldonotaj en la venontaj jaroj.

*José María Rodríguez*

* La sidejo de Andaluzia Esperanto-Unuiĝo en la reto legeblas ĉe: www.ciudadfutura.com/esperanto. La paĝaro konsistas el jenaj eroj:

En la hispana: Esperanto Viva (kurso de Esperanto); Informoj pri la literaturo, gramatiko, historio de Esperanto; Monate ĉe vi (monata bulteno de AEU, precipe en la hispana); Adresaro de Hispanaj E-grupoj; Hejmpaĝo de Sferoj, eldonistoj de SciencFikciaj libroj; Manifiesto de Praga; Prononc-gvido (kun sonoj!); Statutoj de AEU; Esperanto kaj Ruĝa Kruco, artikolo aperinta en revuo de RK.

En esperanto: Adresaro de Hispanaj E-grupoj; Gazeto Andaluzia (trimonata revuo de AEU, plene en E-o); Hejmpaĝo de Sferoj, eldonistoj de SciencFikciaj libroj; Nia Voĉo (bulteno de Madrida Esperanto-Liceo); Manifesto de Prago; Krome, vi povas meti mesaĝojn en nia mesaĝtabulo "Agora", akiri Latin-3 literoj por E-igi vian komputilon kaj ret-serĉilon.

*José F. Martín*

## Aragono

* Frateco prezentis prelegon en la hispana lingvo pri Esperanto, je la 7a horo de la sabato, 20a de februaro. Ĝi okazis en la moderan kultur-centro *Teodoro Sánchez* de la kvartalo San José, kiu estis preskaŭ plenplena. La prelegantoj estis la vicprezidanto de nia societo, Lorenzo Noguero, kaj la e-isto Lorenzo Mediano, kiuj, en interesa publika kolokvo eksplikis tion, kio estas la lingvo, kaj aliajn aspektojn kulturajn kaj universalajn kiuj implicas la praktikadon de la lingvo kaj la humanismo de la esperantistaj ideoj.

Oni projekciis interesajn partojn de Esperanto-vidbendo aldonante la koncernajn klarigojn, kaj jam de du horoj antaŭe, en la sama Centro, oni ekspoziciis librojn kiuj altiris la atenton de la vizitantoj.

* Fine de februaro vojaĝis al Zaragozo la prezidanto de HEF kaj de *Fundación Esperanto*, Miguel Ángel Sancho. En la sidejo de Frateco kaj FE, str. San Vicente de Paul 1, okazis kunveno de la patronaro de *FE*, en kiu oni studis la diversajn problemojn de nia fondaĵo kaj precipe tiun pri la eventuala aĉeto de lokalo por ambaŭ asocioj, afero sufiĉe malfacila ĉar oni deziras akiri ejon je ne tro alta kosto (komprenu ke oni devas paroli pri multaj milionoj da pesetoj), ke ĝi estu en la centro de la urbo, ke ĝi estu sufiĉe ampleksa por teni bibliotekon el pli ol 4.000 librojn kaj la tutan stokon de Don Kiĥoto kune kun aliaj materialoj. Cetere la ejo devas taŭgi por la aktivado de ambaŭ esperantistaj asocioj. Nu, en la kunveno oni pretigis la programon de *Fundación Esperanto* por la nuna jaro.

*A.M.B.*

## Listo de donacoj

### al H.E.F.

1998

17-02 Martín Aguado . . . . 1.000
09-01 Tomás Apraiz . . . . . . 300
05-03 Tomás Ortiz. . . . . . . . 300
16-01 José Sardá . . . . . . . 1.800
14-03 Carme Llapart . . . . . 1.300
12-01 Víctor G. Henríquez 6.600
06-07 Mª Josefa Respino. . . . 700
30-07 Antonio R. Gasch . . 5.378
30-07 Tomás Ortiz. . . . . . . 5.378
30-07 Ana Manero. . . . . . . 5.378
30-07 Manolo Parra. . . . . . 5.378
02-09 Miguel A. Sancho . . 5.330
12-12 Natividad Millán. . . . . 550
12-12 M.E.L . . . . . . . . . . 20.000

1999

05-02 Salvador Aragay . . . . . 650
05-02 José González . . . . . . 500
27-01 Josep Sardá . . . . . . . 1.700
08-03 M.E.L . . . . . . . . . . 29.900
15-03 (anonima) . . . . . . . . . . 336

## Eŭskio

* La magistrato de Bilbao senlace persekutas nian Asocion. Ili monpunis nin antaŭ 4 jaroj pro gluado de afiŝoj sur la stratmuroj; malgraŭ tio ke ni prezentis senkulpigan protokolon, burokratistino asertis ke "ni kulpas kaj ke ili ne devas pruvi tiun kulpon; ke ni mem devas pruvi nian sen-

kulpecon" (ni pensis ke, en demokratio, estis kontraŭe). Ili minacis konfiski kelkajn el niaj propraĵox la venontan 29an de marto. Kiam vi, leganto de Boletin, legos tiun ĉi raporton, ni jam scios kio okazis.

* Cetere, la vendredoj fariĝis la tagoj, kiam pli da E-parolantoj venas al nia sidejo; krom la elementa kurso, entuziasma rondeto anstataŭas la dekomence titolita "perfektiga kurso"; ĝi fakte transformiĝis al amikeca kunsido, kie oni pritraktas ajnan temon. Ne maloftas daŭrigo de la interparolado en apudaj trinkejoj, aŭ eĉ ekskursoj al ĉirkaŭaj montoj: la lasta, okazinta la 13an de marto, estis al monto "La Kruco", super la pitoreska vilaĝo Galdames, ene de la tiel nomata min-zono de Bizkajo. Vespere, post la suprenirado, ni vizitis terenon sur unu el la deklivoj kiuj ĉirkaŭas Bilbaon; en ĝi, membro de nia Grupo partoprenas en projekto subvenciata de la Urbodomo por restarigo de arbaro. Kelkaj el tiuj arboj estos "denaskaj esperantistoj", se temas pri esperantisteco de iliaj "gepatroj".

*J. Miguel Garcia Iturrioz*

## Kanariaj Insuloj

La Esperantista Societo de Tenerife (ESTO) akceptis grupon de kanariaj esperantistoj en la urbo Santa Cruz de La Palma, okaze de la 2a Esperanta Kanaria Renkontiĝo, de la 19a ĝis la 21a de marto.

En ĉi tiu urbo, kie disvolviĝis la plej interesa periodo de la esperanta movado en Kanarioj, pli ol sesdek jarojn (1932-1999), Prof. Juan Régulo Pérez eklernis esperanton en 1932.

La programo estis jena: la 19an de marto je la 19.30 h. en Instituto Alonso Pérez Díaz prelego de S-ro Leandro Trujillo Ca-



*Partoprenantoj antaŭ la pordo de la urbodomo de Garafia*



*S-roj Trujillo kaj Abilio interparolas post la malkovro de marmoran tabulon ĉe muro muro de la naskiĝdomo de Juan Régulo*



La *Urbestro de Garafía, s-ro Abilio Reyes salutas en la* oficiala akcepto




*Memor-tabulo ĉe la liceo Alonso Pérez en Santa Cruz*

sañas, Prezidanto de ESTO, pri "Santa Cruz de La Palma kaj Esperanto". Poste, malkovro de memorplako. La 20an je la 09.00 h. Tuttaga ekskurso. Je la 12.00 h. akcepto en la Urbodomo de Garafía kaj malkovro de omaĝplako en la naskiĝdomo de Juan Régulo Pérez, en Cueva de Agua, Garafía. Fine, kunfrata tagmanĝo donacita de la Magistrato de Garafía. La 21an, kultura vizito al la urbo de Santa Cruz de La Palma kaj akcepto de ties Urba konsilantaro.

La lokaj amaskomunikiloj informis pri la evento. Du televidkanaloj filmis ĉe la prelego kaj interviuis la preleganton. Same faris almenaŭ du radiostacioj kaj jurnaloj. Unu el la plej gravaj *Canarias 7* aperigis interesan artikolon sub la titolo "La esperanto lulilo". La prelegon ĉeestis, inter aliaj personoj, la urbestro de Garafía, la urbkonsilantino pri kulturo de Santa Cruz de La Palma, S-ro. Cobiella Cuevas (eksa Deputito de la Komuno de la Kanaria Komunumo kaj antikva esperantisto) kaj la Direktoro de la Instituto Alonso Pérez Díaz, S-ro. Francisco Castro Feliciano, gastiganto kaj apoganto de la renkontiĝo.

La vizito al Garafía estis tute ne forgesebla, ne nur pro la bonveno de la urbestro S-ro. Abilio Reyes Medina kaj lia invito ke ni subskribu sur la honoran libron, kie sidas inter aliaj gravaj subskriboj tiu de Don Juan Carlos 1a, sed ankaŭ pro la speciala emocio kiun ni sentis vizitante la naskiĝdometon de Don Juan Régulo, kie ni surmetis omaĝan plakon.

Okaze de la renkontiĝo aperis faksimila eldono de *Necesidad histórica y valor literario del Esperanto*, enhave aktuala kaj oportuna prelego farita de Juan Régulo en la jaro 1956.

*Leandro Trujillo Casañas*



*S-ro Juan Antonio Madrazo, Prezidanto de ACE*

## Kantabrio

Fine de februaro ACE, *Asociación Cántabra de Esperanto*, faris dek-minutan prezenton de nia lingvo kaj kulturo antaŭ grupo el 80 homoj. Rezulte de tiu informado vendiĝis 15 kajeroj de *Pro Esperanto* (po 200 ptoj), kaj formiĝis du 8-personaj grupoj por e-kurso. Unu el la grupoj lernas en la sidejo de ACE (San Fernando 58, p-8) de 20.00 al 21.00 lunde, marde, merkrede kaj ĵaŭde. La alia grupo lernas en la sidejo

de konata kantabra entrepreno de 18.30 al 19.30 lunde, marde kaj merkrede.

Ambaŭ kursoj estas 40-horaj, kaj ĉiu lernato pagas 6.000 ptojn por kovri la koston de la kurso kaj de la lern-kaj informmaterialo, kiun ili ricevas: la libro *Esperanto, curso del idioma internacional*, la vortaro *Lexicon Sopena* kaj la libro *Esperanto, un fenómeno de la comunicación*.

*P.U.L.*

## Madrido

* Grupo de madridaj veteranoj kunvenis invititaj de MEL en la CO. Lupe Sanz prezidis la kunvenon. Ĉi sube oni povas vidi foton de la kunveno en kies centro aperas la 87-jara samideanino Lucrecia San Antonio, eble la plej maljuna e-istino de nia lando.



* Jam de Marto nia Akademiano Jorge Camacho denove loĝas en Madrido, kvankam li plu laboras... en Bruselo! Jes, la mondo iĝas vilaĝo.

* MEL daŭre kunvenas lunde ĉe la CO. La 12an de aprilo okazos prezento de prikomentitaj lumbildoj: "Iberaj pejzaĵoj: Andaluzio".

* Kursoj: de la 3a de majo, dum 5 semajnoj, lunde kaj jaŭde (18.00-20.00). okazos baza kurso gvidata de prof. Juan del Castillo en la CO. Prezo 9.500 ptojn.

*Lupe Sanz-Bueno*

## Murcio

10a Kongreso de Valencia Esperanto Federacio kaj Murcia. 17a-18a de aprilo. Lorca (Murcio).

## Tutlande

* En la informadika suplemento de "El País" (Ciberpaís, 4an de Februaro) aperas artikolo pri Tintin (4a paĝo), la fama heroo de la desegnisto Hergé, konata inter ni esperantistoj kiel Tinĉjo.

Interalie aperas serio da TTT-ejoj kiuj pritraktas aferojn pri Tinĉjo:

Oficiala paĝo: www.tintin.be

Tintin-novaĵoj: tintin.qc.ca/actual/actual.htm

Hispane:www.arrakis.es/~joshua/www.tintin.qc.ca

ktp. ktp. ktp... ĝis laste ili aldonas:

Esperante:www.esperanto.net/martin.weichert/tincxjo.html

Cetere, post tiu bela surprizo, oni renkontas ĉe la fino la plej bonan parton de ĉi pozitiva informo pere de jena paragrafo:

«*Tintín ha sido traducido a más de 40 lenguas. Junto a todas las que se hablan en España, el serbo-croata, el occitano, el latín y el esperanto, entre otras.*»

*Los seguidores del reportero que además estudien o quieran ampliar conocimientos de esperanto pueden visitar* www.esperanto.net/martin.weichert/tincxjo.html

La aŭtoro de la artikolo estas Jaume Vidal. Kiamaniere "Ciberpaís" trovis ĉi

adreson? Antaŭ multaj monatoj mi konvinkis ilin aperigi la adreson de la Multlingva E-paĝo. Ĉu iu redaktoro esperantiĝis post tio?

* Denove en "Ciberpaís", je la 18a de marto, aperas nova aludo al Esperanto. Ŝajnas ke tiu suplemento estas aparta ero de "El País" kie nia lingvo estas plurfoje menciata.

Temas pri artikoleto en la 31a paĝo: *Comer como un cerdo* (Manĝi kiel porko). La artikolisto liveras jenan retadreson: rch.usyd.edu.au/~andres/pig/pig.html, kaj poste prezentas la frazon "Vi manĝas kiel porko" en esperanto klarigante ke temas ĝuste pri la lingvo lanĉita de Zamenhof, kaj li aldonas ke en tiu interreta paĝo el aŭstralio, mastrumata de la hispano Andrés Gómez, aperas tradukoj el 56 lingvoj kun doktaj klarigoj pri la diversaj esprimoj proponitaj.

*Dario Rodríguez*

* En la 143a numero de la revuo Perfiles de la Nacia Blindula Organizaĵo (ONCE), aperinta en februaro, oni povas legi leteron de s-ino Lupe Sanz (2/3 de paĝo), sendita al la direktoro de la magazino sub la titolo "Euro-Esperanto".

* Denove aperis vinjeto, kiu tuŝas Esperanton, desegnita de Chummy Chúmez, ĉi-okaze la 3an de marto en Diario.

*Lupe Sanz-Bueno*



## Karavano al la UK

Ĉiu interesito povas ricevi ampleksajn informojn de s-ro Augusto Casquero de la Cruz, Avenida Burjasot 29, A-31. 46009 Valencia. Tel: 96 3401369 (21.00 ĝis 22.00).

# EŬROPARLAMENTANOJ KAJ ESPERANTO




Jen, ĝis la 15a de decembro de 1998, la listo el 131 (20,92 %) Eŭroparlamentanoj (EP-anoj) kiuj, diversgrade, opinias ke Esperanto povus iel helpi por solvi la lingvan problemaron en Eŭropa Unio (EU):

*Austrio*
ETTL Harald, PSE
RÜBIG Paul, PPE
GRAENITZ Ilona, PSE

*Belgio*
AELVOET Magda, V
ANDRE-LEONARD Anne, ELDR
CHANTERIE Raf, PPE
DE CLERQ Willy, ELDR
DE COENE Philippe, PSE
DELCROIX Claude, PSE
DEPREZ Gérard, PPE
DESAMA Claude, PSE
GROSCH Mathieu, PPE
HAPPART José, PSE
HERMAN Fernand, PPE
KESTELIJN Mimi, ELDR
LANNOYEPaul, V
MAES Nelly, ARE
THYSSEN Marianne, PPE
TINDEMANS Leo, PPE
VAN LANCKER Anne, PSE
WILLOCKX Frederik, PSE

*Britio*
BARTON Roger, PSE
COATES Ken, PSE
COLLINS Kenneth, PSE
CORBERT Richard, PSE
CUNNINGHAM Tony, PSE
DAVID Wayne, PSE
ELLIOTT Michael, PSE
HINDLEY Michael, PSE
HUGUES Stephen, PSE
KERR Hugh, PSE
TRUSCOTT Peter, PSE
McMAHON Hugh, PSE
McNALLY Eryl, PSE
MARTIN David, PSE
JACKSON Caroline, PPE
NEWENS Stan, PSE
ODDY Christine, PSE
PAISLEY Ian, NI
PERRY Roy James, PPE
SMITH Alex, PSE
TAPPIN Michael, PSE
TEVERSON Robin, ELDR
TONGUE Carole, PSE
WATSON Graham, ELDR
WATTS Mark, PSE
WHITE Ian, PSE
WHITEHEAD Phillip, PSE
WILSON Joe, PSE
WYNN Terry, PSE
PLUMB The Lord, PPE

*Danio*
BONDE Jens-Peter,


Carles Gasóliva


María Izquierdo


Manuel Medina

*Finnlando*
PAASILINNA Reino, PSE
THORS Astrid, ELDR

*Francio*
AINARDI Sylviane, GUE/NGL
BÉBÉAR Jean-Pierre, PPE
BERNARD-REYMOND Pierre, PPE
BERNARDINI François, PSE
de BREMOND d'ARS Georges, PPE
CABROL Christian, UPE
MOREAU Gisèle, GUE/NGL
CAUDRON Gérard, PSE
DARRAS Danielle, PSE
HORY Jean-François, ARE
LINDEPERG Michèle, PSE
MOREAU Gisèle, GUE/NGL
DONNAY, Jacques, UPE

*Germanio*
BOTZ Gerhard, PSE
BREYER Hiltrud, V
KUHN Annemarie, PSE
LINKOHR Rolf, PSE
FUNK Honor, PPE
SCHLEICHER Ursula, PPE
SCHWAIGER Konrad, PPE
WEILER Barbara, PSE
ZIMMERMANN Wilmya, PSE
TANNERT Christof, PSE

*Hispanio*
FERRÈR Concepció, PP
GASÓLIBA Carles, CDC
GIL-ROBLES José María, PP
MEDINA ORTEGA Manuel, PSOE
IMAZ S. MIGUEL Josu Jon, PNV

Anna Terró i Cusi



Concepció Ferrer



José-Luis Valverde



TERRO i CUSI Anna, PSOE
VALLVE Joan, CDC
VALVERDE José-Luis, PP
IZQUIERDO ROJO María, PSOE
SAUQUILLO Francisca, PSOE

*Irlando*
AHERN Nuala, V
ANDREWS Niall, UPE
BANOTTI Mary, PPE
COLLINS Gerard, UPE
COX Pat, ELDR
CROWLWY Brian, UPE
CUSHNAHAN John, UPE
FITZSIMONS Jimn UPE


J.Mª Gil-Robles

GALLAGHER Pat the Cope, UPE
GILLIS Alan, PPE
KILLILEA Mark, UPE
McCARTIN Joe, PPE
McKENNA Patricia, V
MALONE Bernie, PSE


Francisca Sauquillo

*Italio*
AZZOLINI Claudio, UPE
BALDARELLI Francesco, PSE
BELLERE Spalato, NI
BERTINOTTI Fausto, GUE/NGL
BONTEMPI Rinaldo, PSE
CACCAVALEErnesto, UPE
CASINI Carlo, PPE
COLAJANNI Luigi, PSE
DELL'ALBA Gianfranco, ARE
DUPUIS Olivier, ARE
FERRI Enrico, PPE
FONTANA Alessandro, PPE
GAROSCI Riccardo, UPE
LEOPARDI Giacomo, UPE
MARIN Marilena, UPE
MORETTI Luigi, NI
NENCINI Riccardo, PSE
RIPA DE MEANA Carlo, V
SANTINI, Giacomo, UPE
VECCHI Luciano, PSE

*Luksemburgio*
REDING Viviane, PPE

*Nederlando*
JANSSEN van RAAY James, UPE
OOMEN-RUIJTEN Ria, PPE


Joan Vallve

| *Portugalio* | *Svedio* |
|---|---|
| D'OREY CAPUCHO António, PPE | CARS Hadar, ELDR |
| MARINHO Luis, PSE | GAHRTON Per, V |
| GIRAO PEREIRA José, UPE | HOLM Ulf, V |
| MENDONÇA Nélio, PPE | STENMARCK Per, PPE |

## Laŭ politikaj grupoj

| *Politika grupo en la Parlamento* | *EP-anoj* | *subtenas E-on* |
|---|---|---|
| PSE (Partio de la Socialistoj Eŭropaj) | 214 | 52 |
| PPE (Popola Partio Eŭropa) | 200 | 36 |
| UPE (Unio por Eŭropo) | 36 | 13 |
| ELDR (Eŭropaj Liberaluloj Demokrataj kaj Reform.) | 41 | 10 |
| GUE (Eŭropa Unuiga Maldekstro) NGL (Nord-Verda Maldekstro) | 33 | 4 |
| V (Verduloj) | 28 | 9 |
| ARE (Alianco Radikala Eŭropa) | 20 | 4 |
| I-EDN (Sendependuloj por Eŭropo de la Nacioj) | 17 | 1 |
| NI (Neenskribitaj) | 37 | 2 |

## Laŭ lando

| Lando | Subtenas E-on | EP-anoj | % |
|---|---|---|---|
| Irlando | 14 | 15 | 93,33 |
| Belgio | 18 | 25 | 72,00 |
| Britio | 30 | 87 | 34,48 |
| Italio | 19 | 87 | 21,83 |
| Svedio | 4 | 22 | 18,18 |
| Luksemburgio | 1 | 6 | 16,66 |
| Francio | 13 | 87 | 14,94 |
| Finnlando | 2 | 16 | 12,50 |
| Hispanio | 10 | 64 | 15,62 |
| Austrio | 3 | 21 | 14,28 |
| Germanio | 10 | 99 | 10,10 |
| Portugalio | 4 | 25 | 16,00 |
| Nederlando | 2 | 31 | 6,45 |
| Danio | 1 | 16 | 6'25 |
| Greklando | 0 | 25 | 0,00 |

**Laŭ lando kaj partioj**

| Lando | PSE | PPE | UPE | ELDR | GUE/NGL | V | ARE | I-EDN | NI | Total |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| AT | 2 | 1 | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 | 3 |
| BE | 6 | 6 | 0 | 3 | 0 | 2 | 1 | 0 | 0 | 18 |
| GB | 22 | 3 | 0 | 2 | 1 | 1 | 0 | 0 | 1 | 30 |
| DK | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 | 1 | 0 | 1 |
| FI | 1 | 0 | 0 | 1 | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 | 2 |
| FR | 4 | 3 | 3 | 0 | 2 | 0 | 1 | 0 | 0 | 13 |
| DE | 6 | 3 | 0 | 0 | 0 | 1 | 0 | 0 | 0 | 10 |
| GR | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 |
| EI | 1 | 4 | 6 | 1 | 0 | 2 | 0 | 0 | 0 | 14 |
| ES | 4 | 4 | 0 | 2 | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 | 10 |
| IT | 5 | 7 | 2 | 0 | 1 | 1 | 2 | 0 | 1 | 19 |
| LU | 0 | 1 | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 | 1 |
| NL | 0 | 1 | 1 | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 | 2 |
| PT | 1 | 2 | 1 | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 | 4 |
| SE | 0 | 1 | 0 | 1 | 0 | 2 | 0 | 0 | 0 | 4 |
| Total | 52 | 36 | 13 | 10 | 4 | 9 | 4 | 1 | 2 | 131 |

La politikaj partioj reprezentataj en la Eŭropa Parlamento estas:
PSOE, IU, PP, CDC, IU-IPC, PNV, UDC, CN-CC.
En la Eŭropa Parlamento,la hispanaj partioj situas en la jenaj parlamentaj grupoj:

PSOE en PSE
IU en GUE
PP en PPE
IU-IPC en GUE
CDC en ELDR
CN-CC en ARE
UDC en PPE
PNV en PPE




# Rimarkoj

Utilas kompreni perfekte por eviti misĝeneraligoj kaj troecaj konkludoj.

Traleginte la liston de eŭroparlamentanoj kiuj, diversgade, subtenas Esperanton, eble iu pensas ke la rekono de la utileco de ĉi tiu lingvo, ĝia enkonduko en la oficialajn instruadplanojn de la landoj apartenantaj al EU kaj ĝia aplikado en la politikaj medioj estas io tuj okazonta. La realo tute malsamas. Neniu cedas eĉ etaĵe, se li ne ricevas ion interŝanĝe. Tre ofte la argumentadojn pri solidareco oni nuancigas tiel subtile, ke preskaŭ ĉiam ĝi transformiĝasen ion jam atingitan, malgraŭ la malo memvideblas.



La kampanio plenumita de kelkaj esperantistoj en la lastaj jaroj cele al konsciigo de la eŭroparlamentanoj pri la realeco de nia internacia lingvo kaj ties taŭgeco porinternacia komunikado, jam komencis fruktodoni. Kaj tio okazis malgraŭ la baroj trovitajene- kaj ekstere de Esperantio. Nun ni, la esperantistoj, devas agi laŭe. Ni scias, ke la vojo tre longas kaj la intrigoj kaj baroj multos, do ni rekonu la nunan realon kiel stimulon por plulabori. For vana pompo.



Antaŭ la ĉijara julio, oni elektos en Hispanio la parlamentanojn kiuj reprezentos nian landon en la Eŭropa Parlamento. Ni, ĉar respondecaj, devas voĉdoni. Poste neniu plendu pri la apenaŭa atento de la politikistoj al Esperanto, se oni ne subtenas tiujn kiuj valoras nian lingvon. Post la elektado, la esperantistoj laborintaj en la kampanjo komencos novan etapon. Se vi libertempas por kunlabori kun ni, kontaktu Andrés Martín; P.K. 3275; 29080 Málaga; Tel.: 656 407 198

Nu, ĉar ĉio ĉi koncernas la esperantistojn, ni devas bone enskribi en nian memoron ke en la venonta junio, okazos balotado al Eŭropa Parlamento. Tiam estos nia vico *subteni EP-anojn kiuj subtenas Esperanton*. Ne fajfu pri la politiko, se vi ne volas ke la politikistoj fajfu pri ni.

*Andrés Martín*

# Niaj grupoj kaj asocioj... plu

### Asturio

La agado de Antaŭen daŭre trovas eĥon en diversaj regionaj ĵurnaloj. La 8an de februaro "La voz de Avilés" informis pri la apero de nova numero de la revueto eldonata de la grupo kaj pri ties enhavo, kun foto de la kovrilo. La 17an de marto aperis interesa intervjuo farita al la prezidanto de la grupo, Nicolás Muñiz. Lia foto ornamas la artikolon, kies titolo estas "El Esperanto es un idioma ideal para terminar con las fronteras".

### Katalunio

KAE, Kultura Asocio Esperantista, plu organizas kunvenojn sub la nomo Esperanto-babiladoj. La 21an de marto en Mollet del Vallés. Ĉeestis 27 homoj. La debato pri tio, Ĉu ni sufiĉe propagandas Esperanton, baziĝis sur kvar starpunktoj: mono, angla lingvo, ne sufiĉa engaĝo de la e-istoj kaj la nova koncepto pri la idealoj.

La 18an de aprilo la babilado okazos (fakte kiam oni legos ĉi liniojn ĝi estos jam okazinta!) ĉe la grupo Aŭroro en Barcelono. La temo estos "Afriko".

La 7a Espranto-Semajno de la kulturo kaj Turismo okazos ĉi-jare de la 2a ĝis la 9a de oktobro en Cambrils (Tarragona). Informas: HFEA; apartado 15027; 08080 Barcelono; Tel. 937-253-421; luis_serrano@mixmail.com



# Emas korespondi

* Gregoro Richert, 27-jara, pri literaturo, muziko, turismo, lingvoj kaj kutimoj de aliaj landoj. Adreso: ul. Kwiatowa 27; PL-84-242 Luzino; Pollando.

* Antonio J. Cabanelas, 48-jara handikapulo licenciulo pri lingvoj kaj hispana literaturo. Adreso: calle María Auxiliadora 291; e/ Lourdes y Alegría; Víbora Park; Arroyo Naranjo; Ciudad de la Habana 9; CP 10900 Cuba.

### De AEP al AGORA

Antau kelkaj monatoj, la forumo «alt.esperanto.principiante» havis siajn ĉiutagajn legantojn, kaj kontribuantojn. Tamen, pro la decido de la telefonkompanio *Telefónica* ne plu permesi, ke aliaj firmaoj uzu la centran nodon «news.ibernet.es», pluraj hispanaj legantoj ne plu povas legi aŭ kontribui al la forumo (precipe tiuj uzantoj de *iddeo*, *redestb*, *servicom*...).

Jam de pluraj monatoj José F. Martín starigis, ĉe la ttt-ejo de AEU, forumon bazitan sur TTT-paĝo, do alirebla de ĉiu, kiu navigas en la reto. Ĝia nomo estas Agora, kaj ĝi troveblas ĉe:

http://www.ciudadfutura.com/esperanto/tablo.htm.

Ni esperas, ke tiuj kiuj sentis la mankon de la forumo



# Jen aperis

**Kio ni estas kaj kion ni celas** *Komentoj pri la Manifesto de la movado por la internacia lingvo Esperanto.* Red Renato Corsetti kaj Osmo Buller. Rotterdam: UEA, 1999. 24 p. ISBN 9290170611. 30 cm. Sep fakuloj esee komentas la sep punktojn de la Praga Manifesto.

**Plutoso**, Aristofano. Málaga: Andaluzia Esperanto-Unuiĝo, 1998. 64 p. ISBN: 84-930304-0-6, 21 cm.

**Dialogoj de la dioj**, Lukiano. Málaga: Andaluzia Esperanto-Unuiĝo, 1998.

**Durankulak** Sabira Ståhlberg (1969). Varna: Bambu, 1998. 78 p. ISBN 954 9637 026. 20 cm. Romaneto: Mondofinan urbeton orient-eŭropan, "sur la limo inter realo kaj sonĝo", vizitas japano kun sekreta misio.

# UEA kaj la Hilton-premio

Universala Esperanto-Asocio estas kandidato por la ĉi-jara Humaneca Premio de Hilton, starigita de la Fonduso Conrad N. Hilton por "honori volontulan, karitatan aŭ ne-registaran organizaĵon kiu eksterordinare kontribuis al la mildigo de homa sufero". La Fonduso portas la nomon de sia fondinto, la fama hotelentreprenisto Hilton.

La Hilton-premio, unu miliono da usonaj dolaroj, estas la plej granda humaneca premio en la mondo. Lastatempe ĝi estis aljuĝita interalie al Kuracistoj Sen Limoj kaj al Operacio Rideto. La ĉi-jaran laŭreaton oni anoncos jarfine.

La kandidatigon de UEA iniciatis s-ro Kent Jones el Usono. Laŭ la peto de la Fonduso la Centra Oficejo pretigis por la ĵurio ampleksan dokumentaron pri la 90-jara agado de UEA por la celoj de la premio.

Kadre de Kampanjo 2000 komenciĝis la preparoj por denove kandidatigi UEA ankaŭ por la pacpremio de Nobel.

# Jam 2000 aliĝis al Berlino

La 19an de marto la kongresa fako de UEA registris la 2000-an aliĝon al la 84a Universala Kongreso en Berlino.

La ĝisnunaj aliĝintoj reprezentas 56 landojn. Plej multnombras la gastiganta lando Germanio kun 418 aliĝintoj. Sekvas Francio (232), Pollando (162), Japanio (149), Nederlando (83), Svedio (77), Italio (74), Litovio (64), Belgio kaj Britio (po 61), kaj Finnlando (54). Apud Japanio la plej multnombraj ekstereŭropaj landoj ĝis nun estas Brazilo (37), Usono (31) kaj Aŭstralio (16).

*Nova adreso de Giordano Moya:*
*Fogueroses 16, Int. 6;*
*08230 Matadepera; Barcelona*




## Vetero

[I-R] De nun la esperantistoj povos scii kia vetero estos la morgaŭon en siaj respektivaj landoj kaj urboj, ĉar la entrepreno *Wunderground* ofertas Esperanto-version de siaj veter-prognozoj en Interreto. Vizitu ttp://esperanto.wunderground.com.

## Lingvistiko

[I-R] Inter la 1a kaj la 6a de aŭgusto 1999 okazos la 12a monda kongreso de AILA (Association international de linguistique appliquee = Internacia Asocio pri Aplika Lingvistiko) en Waseda Universitato en Tokio. La kadra temo estos "La rolo de lingvo en la 21a jarcento — unueco kaj diverseco".

Eblas partopreni la kongreson proponante prelegon pri interlingvistika aŭ esperantologia temo, aparte, se ĝi ligiĝas al la kadra temo. Informas: Japana Esperanto-Instituto; Waseda-mati 12-3; JP-162-0042 Tokio; Japanio. Rete: *mre.biglobe.ne.jp.*

## Vidbendo

La tria Internacia Videofilma Festivalo en Esperanto okazos la 10an kaj 11an de julio en Maribor, ĉifoje kune kun teatra kaj muzika kulturfestivalo. Informas: Interkulturo ul. Besednjakova 1, SI-2000 Maribor, Slovenio.

## Biciklado

Se vi emas bicikle vojaĝi en grupa, bonetosa kunveturado, kontaktu BEMI (Biciklista E-Movado Internacia), kiu organizas biciklajn karavanojn ne nur al IJK en Hungario, sed al la UK en Berlino kaj al OkSEJT en Tihvin (apud Peterburgo). Informas: Yvonne van de Hork; Marijkeweg 28-C-1; NL-6709 PG Wageningen; Nederlando. Rete: *dds.nl.*

## Kino

[I-R] En la sesdekaj jaroj William Shatner (kapitano Kirk de la kozmoŝipo Enterprise) aktoris en filmo nomita "The Incubus" (La Inkubosonĝo) kiu estis tute en Esperanto kun anglalingvaj superskriboj. La elparolo de la aktoroj ne estas aparte bona, sed la filmo mem gajnis laŭdon de kelkaj recenzistoj. Fakte Paris-Match asertis ke ĝi estas la plej grandeca fantazia filmo post "Nosferatu". La filmo spekteblos dum la Tutkalifornia E-Konferenco en marto kaj baldaŭ aĉeteblos kiel videofilmo. Vidu ttp://incubusthefilm.com/ aŭ ttp://www.scn.org/~lilandbr/aktual eo.html.

## TV

[I-R] La TV-kabla entrepreno TV Filme, partnero de TVA (unu el du plej granda tv-kablaj entreprenoj en Brazilo) en Brasilia, Goiania, Belem kaj aliaj brazilaj urboj, apogos la diskonigadon de la novaj bazaj kursoj de Esperanto de Esperanto-Asocio de Brasilia (EAB).

## Kion fari pri la libroj?

Ĉeha Esperanto-Asocio, ĈEA staris antaŭ trista tasko: malaltigi la librostokon de sia libroservo, kio montriĝis neevitebla ĉefe pro manko da spaco en provizora stokejo (sed ankaŭ ŝajna alta posedaĵo laŭ la librotenaj rezultoj, ĉar oni devas ja kalkuli ankaŭ la stokitajn librojn, kvankam oni scias, ke plejparte ili estas ne plu vendeblaj).

Feliĉe oni trovis kontentigan solvon: anstataŭ forjeti la superfluajn librojn donaci ilin al lokaj kluboj kaj sekcioj de ĈEA. Oni dissendis librojn al 53 kluboj kaj 12 sekcioj kaj lasis al ilia decido, ĉu disvendi ĉu donaci ilin. Anstataŭ al rubejo la libroj fluas al esperantistoj.

*Petro Chrdle (ĈEA)*




## AIS en Meksikio

La Akademio Internacia de la Sciencoj (AIS) San-Marino iras ekster-Europen: En Meksikio fondiĝis landa asocio, kiu promesas iam fariĝi plenrajta filio de AIS. Danke al la iniciato de prof. Feldmann-Gonzales jam okazis multe atentata preleg-serio en pluraj Meksikiaj universitatoj, interalie en Mexicali, Celaya, Meksikurbo kaj Monterrey.

*Reinhard F.*






## Tena... japanlingve

En Tokio, en mil ekzempleroj, aperis la japana traduko de la libro de Spomenka Štimec, eldonita de IEM, «Tena -hejmo en mezeŭropo». La eldonisto *Nippon Tosyo Kankoukai* ilustris la libron per la desegnoj de la fama kroata desegnisto Ivan Lacković Croata.

La lanĉo okazis en Zagreb la 24an de marto en la prestiĝa hotelo Esplanade. La solenaĵon ĉeestis nome de Japana Ambasadejo en Zagreb Akihito Teruĉi, kaj kelkaj kroataj kaj japanaj ĵurnalistoj ĉeestis por informi.

La libron oni eldonos ankaŭ en la kroata kaj jam ekzistas angla traduko fare de J. C. Bramani.

*S. Štimec*



*Francisco Conejero*

# Malgranda historio

Kiam mi aliĝis al la bahaa kredo, mi rimarkis ke en la libro Bahá'u'lláh kaj la nova epoko, Abdul Baha, filo de la profeto Bahá'u'lláh, rekomendas lerni la lingvon Esperanto. Baldaŭ mi demandis al pluraj bahaanoj, kie mi povos lerni tiun lingvon. Iu respondis ke, kiom li scias, oni instruas Esperanton ie en la strato *San Vicente* el Valencio.

Tiutempe mi loĝis en Kastelono sed mi laboris proksime de Valencio, kaj ĉiutage mi devis do fari tiun longan ir-revenan vojon al mia labojero. Iun tagon, post la laboro, mi iris al la komenco de la strato San Vicente. Mi komencis demandi kie situas la lernejo de Esperanto, kaj mi ne haltis ĝis fine mi sukcesis trovi la lokon.

Estis aŭtuna vespero, sed mi ne plu memoras la tagon nek la jaron. Mi frapis je la pordo kaj eniris. Tie, ĉe la nigra tabulo staris prof. Felix Navarro, kiu salutis min amike. Mi klarigis al li la kialon de mia vizito kaj li respondis dirante: "Bone, bone, kara amiko, sidiĝu, prenu ĉi tiun gramatikon, malfermu ĝin ĉe la paĝo, kiun ni lernas kaj aŭskultu".

Unuafoje mi aŭdis la verbojn "ami" kaj "esti", la substantivojn "domo", "patro" kaj "patrino", la adjektivojn "bela", "granda" kaj plurajn aliajn. Kiam la leciono finiĝis, mi montris mian deziron fariĝi esperantisto kaj, tiucele, mi volis aĉeti la libron, kiun la profesoro pruntis al mi. Li diris ke li mem estas la aŭtoro de la libro. Do mi aĉetis kaj gardis ĝin kiel belan memoraĵon.

Dankon kara amata majstro pro via helpo kaj pro via unua leciono. Neniam mi forgesis vian laboron por Esperanto kaj vian amon al tutmonda paco.

Kun amo, via lernanto, Pako Konejero.

## Rekomendoj

La konsulta komisiono de la Akademio de Esperanto rekomendas:

✓ *inline skates*: unuvicaj rulŝuoj.
✓ *snowboard*: glit(o)tabulo, neĝtabulo (Ndr. la nomon de la sporto oni ricevas per aldono de la sukfikso "ad").
✓ *halfpipe*: duontubo (instalaĵo por pendole veturi en ĝi per rultabulo).
✓ *mountainbike*: mont(o)biciklo, montarbiciklo.
✓ *gameboy* (varnomo): ludkomputil(et)o.
✓

La konsulta komisiono atentigas, ke tiuj ĉi rekomendoj ne estas decido de la Akademio de Esperanto. Lingvajn demandojn ĉiu povas direkti al la direktoro de la konsulta komisiono:

Stefan Maul; Pferseer Str. 15; DE-86150 Augsburg; Germanio; maul@news-factory.net

---

### Ĉemizoj

AEU ofertas dukolorajn (verdo kaj bluo) t-ĉemizojn en tri grandoj (granda, malgranda, meza). Sur la antaŭa flanko aperas la moderna anagramo de E-o kun la kvinpinta stelo kaj la vorto Esperanto ene. Ekstere aperas la frazo "Esperanto para todos". Mendu ĉe AEU; apartado 864; 29080 Málaga. La prezoj: antaŭ la 1a de majo 650 ptojn, poste 800 ptojn. Oni devas aldoni la sendokostojn (300 ptojn) nur se oni mendas malpli ol 10 ekzemplerojn.



# Lingva angulo

## LINGVA ANGULO 7

de Antonio Valén

## LA PERSONAJ PRONOMOJ

Ankaŭ en ĉi Lingva Angulo mi volas priparoli frapan konstru-trajton de esperanto, kaj mi devas nepre reinsisti, ke: 1) mia takso ja subjektivas; 2) temas pri nura detalo, ĉar fundamentaj mankoj maltaŭgigus esperanton kiel helplingvon por internacia komunikado; 3) la ĝisnuna evoluo de nia lingvo allasas modifadon aŭ eliminadon nur tra la vojo de la natura evoluo.

La dua frapa konstru-trajto de esperanto estas la neparaleleco de la personaj pronomoj:

**mi** : *yo*
**vi** : *tú, usted*
**li** : *él*
**ŝi** : *ella*
**ĝi** : *ello* (objektoj kaj bestoj)
**ĝi** : *ella* (objektoj kaj bestoj)

**ni** : *nosotros,-as*
**vi** : *vosotros,-as, ustedes*
**ili** : *ellos*
**ili** : *ellas*
**ili** : *ellos* (objektoj kaj bestoj)
**ili** : *ellas* (objektoj kaj bestoj)

La sistemo de l' personaj pronomoj en esperanto proponas tri eblojn por la tria persono de l' singularo (**li**, **ŝi**, **ĝi**), sed nur unu por la tria persono de l' pluralo (**ili**), sendube influite de la hindeŭropaj lingvoj. Ĉu ne pli kohere tri personoj por la singularo kaj tri por la pluralo (aŭ unu persono por la singularo kaj unu por la pluralo)? Kurioze tamen, neparaleleco ne ĝenas en la praktiko, ĉar la diversaj neologismoj lanĉitaj por plivastigi la trian personon en la pluralo simple ne enradikiĝis.

La uzo de nura **vi** por la hispanaj *tú, usted, vosotros, vosotras, ustedes* samtempe bonas kaj malbonas. Ĝi bonas, ĉar ĝi ŝparas la ĝenan distingon *tú/usted*, kies uzado tre varias de idiomo al idiomo kaj vere maloportunas en esperanto, lingvo kun parolantoj tre divers-originaj geografie, lingve kaj kulture. Ĝi malbonas, ĉar ĝi ebligas distingon inter singularo kaj pluralo nur helpe de la kunteksto. Paradokse, esperanto naskiĝis kun la formo **ci** (= *tú*), teorie tre taŭga, praktike tute morta, ĉar neniu uzas ĝin. Kial? Ne gravas kial: la pronomo **ci** ĝenas kiam ĝi aperas (nur en tre malmultaj beletraĵoj) simple ĉar ĝi estas neuzata, fremda, artefarita. Ĉu eblus pli bona kialo?

### Radio Saluton

Ĝiaj elsendoj ne plu aŭskulteblas che: ttp://radiosaluton.webjump.com. Atentu ke la nuna adreso estas: "http://come.to/e.radio".

Cetere, tie troveblas ankaŭ kelkaj elsendoj de Pola Radio (ĉiusemajne, sed iom prokraste, la "Trarigardon de Esperanto-Gazetaro", krom iujn elsendojn inter aŭgusto kaj novembro 1998).

José F. Martín

# Emilio Prados

(Malago 1899 — Meksiko 1962)

**Trad: Miguel Fernández**






Mi fine min enŝlosis;
sonĝe perdiĝis mia karna ŝelo…
Kaj mi, magia, nevidebla, restis
kun blindula nudeco.

Hel-plenis mi ĝisrande de l' okuloj;
lumiĝis mia eno.

Travida, flame trema,
mi restis sur la vento,
kiel pur-akva glaso,
kiel restas
surface de spegulo
vitr-anĝelo.

(El *Andando, andando por el mundo*)

## OLAFO



## Al lingva demokratio

Aleksandro Kesavero Kasanovao

Ĉirkaŭ dudek aŭtoroj kunlaboras en ĉi tia libro, skribita en la lingvoj esperanta, franca kaj angla. La leganto bezonas regi la tri lingvojn por legi ĝin. Aperas resumoj (tre nekompletaj) de ĉiaj bazaj tekstoj en la tri lingvoj. La grando estas ĉirkaŭ ducent dek kvin paĝoj. La du redaktantoj estas Mark Fettes kaj Suzanne Bolduc (prononcoj: Mark Fet kaj Suzan Bolduk). Eldonas la Universala Esperanta Asocio, ĉe Roterdamo, Nederlandujo, jaro 1998.

La libro strukturiĝas kiel aro da artikoloj kaj dialogoj ĉirkaŭ la omaĝo al la esperantisto kaj politikisto Nitobe Inazô (prononco: Nitobe Inazo). Plus la parolado el Nitobe Inazô mem sekvas sin la intervenoj kaj dialogoj de la kunlaborantoj. La intervenoj kaj dialogoj sekvas sin laŭ ses kunsidoj: (1) Omaĝe al Nitobe Inazô, (2) Lingvopolitiko kaj lingva praktiko, (3) Lingvodiverseco kaj lingva demokratio), (4) lingvoj en transnacia edukado, (5) Ronda tablo: al nova lingva ordo, kaj (6) Konkluda sesio.

Formale, la libro klare difektiĝas, kiel tiom da esperantaj eldonoj kompostitaj de amatoroj. La interveno de Nitobe Inazo, en angla, eĉ ne estas resumita al esperanto. Tamen, anstataŭ paroli pri preseraroj, ŭestismo ĉe la ortografado de la propraj nomoj, kaj tiel plu, ni iru tuj al la interesa fono.

Recenzo

Laŭ la fono, aperas tra la diskutaro ke la belaj vortoj pri lingva demokratio, respekto kaj subteno de la lingvokultura diverseco, kaj tiel plu, estas belaj mensogoj. La angla kaj la franca ĉefas en la reala mondo, kaj la angla premas la francan kaj la ceterajn lingvojn. Tio speciale klariĝas en la interveno de Tove Skutnabb–Kangas (prononco: Tove Skutnab Kangas). Tia dano, en angla kaj kun la sia tuta bibliografio en angla, furioze atakas la rolon de la angla ĉe la nuna mondo, montrante la politikan kaj financan subpremon de la anglusona mondo super ni aliaj, la lingvomortigon kiun fifaras la ŭestanoj, kaj tiel plu. Li ankaŭ faras detaleman analizon pri la kialoj kaj konsekvencoj de la situacio, kaj konkludas ke nur eksplicita politika agado (neniel simpla lingvistika diskutado) ŝanĝos la aferon pro la humilitaj. Mi do rekomendas la legadon de ĉi tia ĉapitro, paĝoj 143–149. ¡Kompreneble, ho leganto, se ci regas la anglan!

Ankaŭ menciindaj estas la malrutinaj dialogaj intervenoj de Tove Skutnabb–Kangas (paĝoj 202 kaj 203), de Zlatko Tiŝljar (paĝoj 98 kaj 99), la intervenoj de Yvo Peeters (prononco: Ivo Peters) kaj aliaj. Krome notindaj estas kelkaj informoj, kiel la rapida altigo de la esperanto post la unua mondomilito.

Pro ĉi ĉio, mi rekomendas al ĉia samlingvano ke ĝi legu la libron, kaj al kapablaj samlingvanoj ke ili faru novan eldonon, unulingva en esperanto.

# Loĝado

## 58a Hispana Kongreso de Esperanto

Informo pri la eblec-loĝado dum la venonta Hispana Kongreso de Esperanto, kiu okazos en Castellón, inter la 17a kaj la 21a de julio 1999.

Atentu: *oni rezervos lokojn kun tiel favoraj prezoj nur al homoj kiuj jam aliĝis kaj pagis la kongreskotizon.*

1.- HOTEL INTUR (4-stela): Loko en dulita ĉambro: 6.500 pesetoj. En unulita: 9.000, ambaŭ kun matenmanĝo.

2.- HOTEL JAIME I (3-stela), en la urbocentro: Loko en dulita ĉambro: 5.500 pesetoj. En unulita: 8.100, ambaŭ kun matenmanĝo.

3.- HOTEL RESIDENCIA DOÑA LOLA (2-stela), tre proksima al la kongresejo: Loko en dulita ĉambro: 4.300 pesetoj. En unulita: 6.000, ambaŭ kun matenmanĝo.

4.- HOTEL MASSER (2-stela), en la urbocentro: Loko en dulita ĉambro: 4.000 pesetoj. En unulita 4.300. SEN matenmanĝo.

5.- RESIDENCIA DE ESTUDIANTES MIRAMAR (proksima al la kongresejo). Tre komforta. Loko en dulita ĉambro, KUN matenmanĝo: 3.000 pesetoj.

6.- RESIDENCIA BANCAJA: Tre komforta. Loko en dulita ĉambro, SEN matenmanĝo: 1.900 pesetoj.

7.- DIVERSAJ PENSIONOJ EN CASTELLÓN: Loko en dulita ĉambro: 2.100 pesetoj. En unulita: 2.300. En dulita con bankuvo: 2.400. Ĉiuj SEN matenmanĝo. La unuaj rezervontoj ricevos plej komfortajn kaj proksimajn lokojn.

8.- ALBERGUE MUNICIPAL DE VILLAREAL (vilaĝo 7 kilometrojn for de la kongresejo, komforta): Loko en dulita aŭ en trilita ĉambro: 800 pesetoj, SEN matenmanĝo. Se ne estos sufiĉe da mendoj oni devos nuligi ĉi tiun lokon.

Dum labortagoj eblas tagmanĝi ĉe la kongresejo, mem sufiĉe malmultekoste. Dimanĉe oni preparos por la kongresanaro gigantan paelon, por tagmanĝi, senpage, kaj pro tio oni ne bezonas serĉi restoracion tiutage.

Nepras antaŭpagi la loĝadon. Post la 1a de majo aldonu 10% al la tuta kosto. Post la 1a de junio la LKK ne certigas rezervon. Se iu deziras resti pli da tagoj, bonvolu informi detale, por bone organizi la rezervon. Kiu volas okupi lokon en dulita ĉam-

Nomo .................................... Urbo ...............
Adreso...................................................................
Kongresa numero .......................... Dato ...............
Mi pagas: Por loĝado, ( ) noktojn, en loĝejo numero ( )
En unulita ĉambro ( ); En dulita ĉambro ( ) Entute ................ ptoj
Mi deziras dividi ĉambron kun kongresano numero ( )

Post la 1a de majo 1999 aldonu 10% al la tuta sumo
Post la 1a de junio 1999 la LKK ne garantias loĝadon



# 58a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

CASTELLÓN, 17a—21a DE JULIO 1999

Kongresejo: Facultad de Ciencias Jurídicas y Económicas. Universidad "Jaime I", Campus de Riu Sec. Castellón

ALIĜILO N-RO.....

(BONVOLU SKRIBI TAJPE AŬ PRESLITERE)

Familiaj nomoj .................................................................
Antaŭnomo, s-ro/s-ino/f-ino (1) ..............................................
Aĝo (2) .............................................. Profesio (2) ..................
Adreso...........................................................................
Urbo .................................... Poŝtkodo .. Provinco ..........

Mi aliĝas al la 58a Hispana Kongreso de Esperanto kaj sendas per poŝtmandato, ĉeko aŭ banko la jenan sumon:

| Kongreskotizoj: | ĝis la 1a de majo, ptoj | poste, ptojn |
|---|---|---|
| Kongresano 1 (ne HEF-ano) | 3.500 | 4.000 |
| Kongresano 2 (HEF-ano) | 3.000 | 3.500 |
| Kunulo de Kongresano 1 | 3.000 | 3.500 |
| Kunulo de Kongresano 2 | 2.500 | 3.000 |
| Membro de grupo (min. 15-persona) | 2.500 | 4.000 |
| Donacon | | |
| ENTUTE: | | |

Plenigu apartan aliĝilon por ĉiu familiano samtempe aliĝanta

(1) Forstreku la nevalidan; (2) Nur por statistiko

Sendu la monon al Caja de Ahorros del Meditarraneo (CAM), Avenida Rey D. Jaime, 74; 12001 Castellón; cuenta "58 Congreso Español de Esperanto"; n-ro: 2090 0327 13 0000139612, kaj samtempe la aliĝilon kaj kopion de la konfirmo de la pago al la Kongresa Sekretario; Av. Burjasot 29, A-31; 46009 Valencia.

**Por bankĉekoj kaj poŝtmandatoj aldonu 10%**

KOTIZO ESTAS PERSONA. ĜI NE ESTAS REPAGEBLA.

| Pago ricevita | Konfirmilo sendita | Loĝejo mendita |
|---|---|---|






**Castellón: la urbo**
**ĝia festa etoso,**
**la kongresejo,**
**kaj la homoj kiuj akceptos vin.**
**Ek!**



Depósito legal Z-334-90. Presejo: Gráficas Aurora